## 1980 - a JARO

### NIA BULTENO ENIRAS EN LA 30 - an JARAĜON

Nia bulteno ekaperis la unuan fojon dum junio 1951-a, fare de la ne multnombra grupo de Esperantistoj fervojistoj en Verona, kiuj antaŭ jaroj fondis nian Asocion tiutempe nomita "A.I.F.E." (Associazione Italiana Ferrovieri Esperantisti). La nomo de la bulteno estis: " La Fervojisto" kaj redaktis ĝin nia kolego Cesare Ceroni Bassani kiu estis samtempe Sekretario de la Asocio.
En la unua numero la tiea Prezidanto de A.I.F.E. D-ro Mario Spadafora prezentis la "Informa Bulteno"-n per jenaj vortoj: . . .
" Celo de la ĉi tiea kaj sekvantaj bultenoj, estas sciigi al ĉiuj fervojistaj Samideanoj la ĝis nun faritan laboron kaj tiun, kiu estos farata por la plej granda kreskado de nia movado.
A.I.F.E., naskiĝinta de mallonga tempo kaj estante en organiza plen fazo, rigardas senpacience la momento kiam, okaze de la "Landa Kongreso", ĝi povas kontaktiĝi kun la delegitoj de la diversaj italaj urboj, kun la celo nombradi la fortojn sur kiuj ĝi povos kalkuli en la estonto kaj por doni unuecan antaŭpuŝon, necesan por atingi pli ambitajn etapojn . . .
Mi ne scias ĉu tiuj rezultoj estis atingitaj, sed la celo de la estraro kaj la redaktoroj estis tia, kaj post 30 jaroj iom da antaŭpuŝo estas kontrolebla.
Sendube nun oni rajtas diri ke nia "Bulteno" plenumis tiujn taskojn kaj evoluis al ĉiam fidinda komunikilo inter la membraro kaj la organizo.
La redaktado de la gazeto restis en Verona ĝis septembro 1953 - a kiam, dum la IV-a kongreso de "A.I.F.E." en Como redaktado transiris al Bologna al mi kiu ankoraŭ nun redaktas ĝin.
Dum tiuj 30 jaroj la nomo de la Asocio fariĝis "I.F.E.A." (Itala Fervojista Esperanto Asocio) kaj la "Informa Bulteno" aldonis "Itala Fervojisto".
Nun novaj fortoj eniras en la redaktadon de "Itala Fervojisto" kaj mi esperas ke ĝi fariĝos ĉiam pli kompleta informilo por kontentigi plie la multnombran membraron.
Decas esprimi nian sinceran dankon ĉi loke al "D.L.F." (Dopolavoro Ferroviario de Bologna) kiu dum 30 jaroj ebligis kaj senintterrompe certigis la aperon de nia Bulteno.
Tiel hodiaŭ ni povas gratuli nian 30-jaran jubileanton kaj deziri al ĝi pluran prosperan bonfarton.

Germano Gimelli

---

La 51a ITALA KONGRESO DE ESPERANTO okazos en MANFREDONIA/SIPONTO de la 6-a ĝis la 13-a de septembro 1980-a. Dum tiu kongreso okazos ankaŭ la jarkunveno de I.F.E.A.. Niaj membroj estas aparte invitataj partopreni en ĝi kiu estas la nura okazo, dum la jaro, por renkontiĝi kaj por diskuti niajn problemojn.
Ni varme invitas niajn eksterlandajn kolegojn partopreni ankaŭ la kunvenon de I.F.E.A.
Do ĝis la revido en Manfredonia

---

## Neĝo kaj suno en la Dolomit-montaro

La duan fojon dum la historio de IFES niaj italaj geamikoj Delvina kaj Germano Gimelli prenis sur sin la nefacilan taskon organizi la Internacian Fervojistan Esperanto Skisemajnon en Plan/Val Gardena. Kiu antaŭ kvin jaroj samloke partoprenis la 16-an IFES antaŭsciis, ke belega pejzaĝo, admirinda panoramo kaj unikaj ĉiuspecaj skivojoj ĝojigos la alvojaĝontojn.
La domo, "Casa Alpina del Dopolavoro Ferroviario di Bologna" estis bela, la plej multaj ĉambroj tre bone ekipitaj, la manĝoj bonaj kaj senriproĉaj, la vino malmultekosta kaj abunda, la direktoro, s-ro Vincenzo Benini, ĉiam afabla; por la du Esperanto-kursoj (elementa, kiun gvidis André Hervouet, Francio, kaj konversacia, kiun gvidis Leo de Brujne, Belgio) taŭga salono estis je dispono, kaj la endoma trinkejo povis plenumi multajn dezirojn.

El 9 landoj (Aŭstrio, Belgio, Danlando, Francio, Germanio, Italio, Jugoslavio, Pollando kaj Svislando) venis la vizitantoj en aĝo inter 2 kaj 80 jaroj tiel multnombraj (118), ke kelkaj bedaŭrinde devis dormi ekster la domo, tamen tre proksime.
Dumtage la anaro dissvarmis, elektante inter 38 ĉe-lokaj skiliftoj, telferoj kaj seĝliftoj, la longdistancaj skiantoj ĝojis pri aparte belaj lojpoj kaj pri la ĉarma franca instruanto Jean Mevel, kiu krome ankaŭ gardis la skikomencantojn Kiuj riskis la unuan fojon alpine gliti.
Aliaj promenis, butikumis aŭ ekskursis. Por plene eluzi la belan tagmezon multaj petis lunĉpakaĵetojn por ie surmonte en sunbrilo ĝui la

## NEVE E SOLE SULLE DOLOMITI

Settimana sciistica dei Ferrovieri Esperantisti.

Per la seconda volta i nostri amici italiani hanno assolto il non facile compito di organizzare la Settimana Sciistica Internazionale dei ferrovieri esperantisti a Plan Val Gardena. Coloro che 5 anni fa parteciparono alla 16-a I.F.E.S. sapevano già che un bellissimo paesaggio, ed ogni tipo di piste avrebbero rallegrato i partecipanti.
La Casa Alpina del Dopolavoro Ferroviario di Bologna era bella, la maggior parte delle camere confortevoli, i pranzi ottimi, il vino a buon mercato, il direttore signor Vincenzo Benini sempre a nostra disposizione.
Il corso di Esperanto elementare guidato dal francese André Hervouet e quello di conversazione guidato dal belga Leo De Bruyne avevano luogo in un adatto salone.
Il ben fornito bar poteva soddisfare ogni nostro desiderio.
I partecipanti di 9 nazioni: Aùstria, Belgio, Danimarca, Francia, Germania, Italia, Jugoslavia polonia e Svizzera, di una certa età fra i 2 e gli 80 anni erano così numerosi che qualcuno, purtroppo, era alloggiato nella "Dipendenza" della Casa Alpina.
Durante il giorno i partecipanti si disperdevano fra gli skilift, le seggiovie e le cabinovie.
I fondisti avevano a disposizione piste adatte ed un istruttore, il francese Jean Mevel, che inoltre ha iniziato alle delizie sciistiche un piccolo gruppo di principianti.
I non sciatori passeggiavano, fa-

kunportitan manĝon en grupo da geamikoj - speciala travivaĵo neforgesebla.

La vesperaj programeroj iomete suferis pro la manko de sufiĉe granda salono. Sed eĉ lerta kaj sperta paro, kia estas niaj ge-Gimelli, ne povis ŝanĝkonstrui la domon por niaj celoj....Do ni devis iomete ŝviti dum film kaj diaprelegoj, sed oni absolute forgesis tion dum la entuziasma prezentado de la teatra kaj baleda grupo el Parizo. Grandan laŭdon, elkoran gratulon kaj dankon al ĉiuj 11 aktivuloj pro la diligenta preparlaboro kaj la spriteco de la elpensitaj spektakloj! Tiu vespero nepre estis la kultura kulmino de la 21a IFES. - Granda sukceso kiel ĉiam fariĝis la karnavala vespero. Oni vidis multegajn fantaziriĉajn maskojn, la bonhumoro estis senlima kaj la dancemuloj nelacigeblaj.

La partopreno de la lingva kaj skiadaj konkursoj estis libervola, tamen ĝojige multnombra. Tio respeguliĝis per la 24 premioj, kiujn la organizantoj en ĉeesto de s-ro Giulio Turrini, konsiliano pri kulturo de DLF Bologna, disdonadis. Bedaŭrinde s-ro Pasquale Ceci, prezidanto de DLF Bologna kaj honorkomitatano de IFEF, ne povis veni pro morto de familiano; pro tiu malĝojiga evento ni komunikas al li niajn varmajn kondolenc-esprimojn.

Permesu, ke mi ĉi-loke mallongigu la liston de la gajnintoj, menciante el ĉiu kategorio nur la plej sukcesan: Alpina skiado, spertuloj: Leonardo D'AMICO, Italio; duonspertuloj, viroj: Friedrich HILPERT, Germanio; duonspertuloj, virinoj: Maria Grazia CUZZANI,

cevano compere o escursioni nelle vicine cittadine.
I programmi serali hanno un pò risentito della mancanza di un capiente salone. Ma neppure una capace ed esperta coppia come i nostri Gimelli poteva costruire ex novo una casa adatta alle nostre esigenze. Benchè abbiamo sofferto un po' durante le presentazioni dei films e delle diapositive, ce ne siamo completamente dimenticati durante le rappresentazioni teatrali del gruppo parigino. Infinite grazie e congratulazioni agli 11 attori per la preparazione e la elaborazione dei testi presentati. Quella serata è stata veramente il culmine culturale della settimana. Come sempre ha avuto enorme successo la serata di carnevale. Le maschere erano spiritosissime, il buonumore senza limiti e le coppie danzanti instancabili.

Quantunque la partecipazione ai concorsi di lingua e di sci fosse volontaria, tuttavia è stata numerosissima. Si è apprezzato l'alto numero di premi che gli organizzatori hanno distribuito in presenza del Consigliere alla cultura del D.L.F. Sig.Giulio Turrini. Al Presidente del D.L.F. Sig. Pasquale Ceci, che per un lutto familiare non ha potuto partecipare, le nostre più sincere condoglianze.

Consentitemi di fare l'elenco dei premiati nominando solo i primi di ogni categoria: Sci Alpino, 1^ Categoria: Leonardo D'Amico, Italia; 2^ Categoria uomini: Friedric Hilpert, Germania; 2^ Categoria donne: Maria Grazia Cuzzani, Italia; Principianti: Jen Marie Vestappen, Belgio; Fondo:Jean Paul

Italio; komencantoj: Jean Marie VERSTAPPEN, Belgio; longdistanca skiado: Jean-Paul LEGEARD, Francio; konkurso por piedirantoj: André HERVOUET, Francio; lingva konkurso: Johann GEROLDINGER, Aŭstrio; premio por la plej bela individua masko: Jean-Pierre SADOC, Francio; premio por la plej bele maskita paro: Kield HOSTERKIOB kaj Madeleine HANSEN, Danlando. La kursgvidantoj kaj ĉiuj aktivuloj de la teatraĵoj krome ricevis memormedalojn.

Por la kombinita konkurso el skiado kaj lingvoscio estis destinita la lasta premio, la t.n. IFES-premio: Jovan MIRKOVIĈ/ el Jugoslavio ĝin ricevis el la manoj de IFES-sekretariino Elfriede Kruse ([redacted]) kaj li ankaŭ promenis organizi la venontjaran IFES, ie en Jugoslavio.

Elisabeth Ritterspach

Legeard, Francia; Camminata: André Hervouet, Francia.
Concorso di lingua:
Johan Geroldinger, Aùstria.
Premio per la più originale maschera: Jean Pierre Sadoc, Francia;
Premio per la più bella coppia di maschere: Kield Hosterkiob e Madeleine Hansen, Danimarca.
Gli insegnanti dei diversi corsi e gli attori hanno ricevuto una medaglia ricordo.

Per la "combinata" di lingua e di sci alpino, il premio della Federazione Internazionale, è stato vinto da Jovan Mirkovic', che organizzerà la prossima settimana bianca dei Ferrovieri Esperantisti in Jugoslavia, egli ha ricevuto il premio dalle mani della segretaria dell'IFEF Sig.na Elfride Kruse.

Elisabeth Ritterspach



INFORMOJ PRI LA 32a IFEF KONGRESO

La kongreso okazos en America (Horst), Nederlando de la 16-a ĝis la 22-a de majo 1980.
Kongresejo: "HET MEERDAL" estas grandega libertempa centro apud la vilaĝo America en la provinco Limburgo.
Fervojstacio: HORST-SEVENUM - Linio Venlo-Eindhoven).
Ekskursoj:
A)-Duontaga eksurso al EINDHOVEN por viziti "Evoluon" (la evoluiĝo de la elektrotekniko en la Philips-konzerno).
B)-Duontaga ekskurso al la Nacia Kariljona Muzeo (Sonorilmuzeo) de ASTEN kaj al ventmuelejo, en kiu ĝis la hodiaŭa tago, oni faras farunon el greno; "DE GRENO ĜIS PANO".
C)-Tuttaga ekskurso al ARNHEM kaj RHENEN. Ĉi tiu ekskurso okazos unue al la Liberaera Muzeo en Arnhem; poste ni veturos per ŝipo de Arnhen al Rhenen sur la rivero Rejno. En Rhenen ni vizitos la faman turon kaj preĝejon de Sankta Kunera.

12-a TRILANDA KONFERENCO de Esperantistoj el Aŭstrio, Jugoslavio kaj Italio en UDINE de la 23a ĝis la 25a de Majo 1980-a.
La manifestacio estas organizata de ŝtata lernejo"ISTITUTO TEKNIKO PER IL TURISMO",kun tre grava temo "LERNEJO - ESPERANTO - TURISMO"

**I. F. E. A.**



**ASSOCIAZIONE ITALIANA FERROVIERI ESPERANTISTI**

Aderente alla INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO (I. F. E. F.):
alla UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO (U. E. A.) - ROTTERDAM (Membro consultivo dell'UNESCO 1954)
e alla FEDERAZIONE ESPERANTISTA ITALIANA (F. E. I.) - (Ente Morale 1956)

Sede Centrale: Dopolavoro Ferroviario Bologna (Italujo)




# Informal Bulteno

ITALA FERVOJISTA ESPERANTO - ASOCIO

## ITALA FERVOJISTO

REDAKTEJO: 40128 Bologna - Via Donato Creti N. 61 - Tel. 359.071

STAMPE